# Internacia Fervojisto

Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo




**2016.4**

**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

# Nova Gotthard-tunelo malfermita

## Karaj gelegantoj,

post jaroj da respektinda laboro kolego István Gulyás kiel anoncite retiriĝis el la redaktoreco kaj dum la komitatkunsido en Varna transdonis la respondecon al de la forumo aprobita posteulo. Normala afero okazanta same en aliaj asocioj kaj federacioj. Ne normala afero por mi, kiu transpreninte la taskon laĉis grandajn ŝuojn. Kompare kun la „Fervoja Esperantisto”, folieto 12-paĝa kaj trimonata, kiun ĝis nun mi redaktas, la eldono de la „Internacia Fervojisto” havas alian dimension. La bulteno en komparo estas esence pli ampleksa kaj enhave esence pli reglamentita.

Ĝi estas bulteno de la federacio, do organo kaj rimedo por publikigo de oficialaj informoj kaj samtempe revuo kun la tasko, per kontribuoj pri la fervojo demonstri la funkcikapablon de Esperanto kiel fervojfaka lingvo. Tio nur estas ebla sur la fundamento de solida redakcia teamo kaj la kunlaboro de interesitaj legantoj, kiuj kontribuas per materialo kaj publikigeblaj tekstoj. Pri la redakcia teamo mi ne havas zorgojn: István pretis partopreni. Lene Niemann kaj Jean Ripoche daŭre restas membroj. Se nun ankaŭ la afero pri la artikoloj funkcios, mi rigardos optimisme en la estonton.

Aparta deziro, kiun mi principe povas nun mem plenumi, estas intensigo de la informado pri kaj el la Internacia Federacio de la Artaj kaj Kulturaj Fervojistaj Asocioj (FISAIC). Vi scias, ke FISAIC estas tegmenta organizo por fervojistoj kulture aktivaj en sia libertempo kaj ke ĝi kunigas vastan gamon de okupoj kaj interesoj. Mi volonte prezentus tiujn en tiu ĉi nia bulteno kaj inverse prezentus nin en iliaj. Mi tiucele estas enketanta ĉe la sekciaj reprezentantoj en la Teknika Komisiono de FISAIC.

Mi kalkulas pri tio, ke en la sekvonta eldono estos disponebla sufiĉe da spaco por realigi tiun planon.

Amikajn salutojn

Guido Brandenburg

# Enhavo:



**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato



**Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud IFEF”,
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**Retejo**: www.ifef.net

# Kun precizeco de svisa horloĝo

Nova Gotthard-tunelo malfermita



Tunelbormaŝino dismuntata en la tunela stacio Faido
(bildo: Cooper.ch, CC-BY-SA, Wikimedia)

Plian fojon la internacia publiko sin demandas, kio estas pli atentinda: La dimensioj de la tunela projekto aŭ la fakto, ke nek la financa nek la tempa buĝetoj estis transpaŝitaj. La 01.06.2016 okazis la solena inaŭguro de la 56 kilometrojn longa Gotthard-bazlinia tunelo, unu jaron antaŭ la plano.

La projekto NEAT „Neue Eisenbahn AlpenTransversale“ (nova fervoja Alpo-transversa linio) antaŭvidis 23 miliardojn da Svisaj Frankoj - enorma sumo, pri kiu la svisa popolo 1992 konsente referendumis. 12,2 miliardojn de ili konsumis la nova Gotthard-tunelo.

La du tubojn inter 2002 kaj 2011 je 80% elfosis kiel gigantaj talpoj kvar tunelbormaŝinoj konstruitaj de germana firmao el Schwanau. Por la res-

to necesis eksplodigaj metodoj. La 28,2 tunomilonojn da ŝtonaĵo oni ŝutis en ŝtonrompejojn kaj plenigeblajn kavojn en la ĉirkaŭaĵo.
Sekvis la ekipa fazo, dum kiu estis muntataj betonslabaj trakoj, energiaj kaj komunikaj kabloj, kontaktlineoj kaj trajnsekurigaj instalaĵoj.




(bildorigino: Cooper, Wikimedia)

La traceo pasas trasub la montaro en alto de 530 m super manivelo, preskaŭ ebene kaj sen krutaĵoj kaj akutaj kurboj. Ĝi tial unuflanke permesas pli longajn kaj pli pezajn vartrajnojn kompare al la malnova Gotthard-linio ŝparante konsiderindajn 30% de la energio kaj aliflanke ebligas maksimuman rapidecon de 250 km/h por pasaĝeraj trajnoj. Tio ne ŝparas energion, sed 45 minutojn por la vojo inter Zürich kaj Lugano fininte la lastan konstruetapon kun la 15 kilometrojn longa Ceneri-tunelo  norde de Lugano en la jaro 2020.
Tunelo tiel longa kiel tiu ĉi por la kazo de akcidentoj bezonas efikan savokoncepton. La du tuboj de la tunelo estas interligitaj per 176 galerioj, tra kiuj eblas fuĝi en la de la akcidento ne koncernitan tubon. Trajnkompletoj entunelsavaj atendas ambaŭflanke kaj povas atingi ĉiun ajn lokon dum maksimume 45 minutoj. La du savocele konstruitaj entunelaj stacioj Faido kaj Sedrun permesas trajntranskondukon de unu tubo en alian.
La ideo uzi la stacion Sedrun por regulaj trajnhaltoj kaj transporti la pasaĝerojn per lifto la 800 metrojn de la tersurfaco en la profundon restos

provizore vizio. Ne sufiĉe esploritaj estas duboj pro la rapideco de la lifto, pro la temperaturaj diferencoj kaj kompreneble pro la kostoj.
La inaŭguro okazis, sed la regula trafiko tra nova tunelo post 3000 testtrapasoj la 11.12.2016.
Tiam la malnova Gotthard-tunelo de 1882 emeritiĝos, aŭ pli vere akiros la rangon de rezerva relvojo.
La tunelo estas centra sekcio de la nord-suda akso en la traeŭropa grandrapida reto. La konekto norden ne jam estas atinginta finan staton. La konstrulaboroj en Germanio de Basel tra la supera Rhein-valo estas daŭrantaj (prognozo 2022). La kancelierino Merkel, gasto dum la inaŭguro koncedis, ke “la koro ekzistas, dum la aorto ankoraŭ mankas”. Ankaŭ en la sudo inter Chiasso kaj Milano la preparlaboroj ankoraŭ daŭras.
(bildo titolpaĝo: Pechristener, CC-BY-SA, Wikimedia)

**Guido Brandenburg**

## Salutvortoj por la 68-a IFEF kongreso en Varna, Bulgario

Kial Bulgario allogas nin kongresi la 5-an fojon?



Post la brile organizita kaj realigita 20-a jubilea IFEF kongreso en urbo Varna en 1968, kiun partoprenis 815 esperantistoj el 22 landoj, kaj post la sekvaj kongresoj en la turisma ripozkomplekso "Suna Bordo"- 1984, Plovdiv - 2002 kaj Sofio - 2010 stariĝas la demando: Kial Bulgario altiras nin, post 48 jaroj, kongresi la 5-an fojon ĉi tie, apud Varna, en feriloko "Sanktaj Konstantin kaj Elena"? Al tiu simpla demando ne eblas respondi per simplaj argumentoj... El historia vidpunkto Bulgario troviĝis ĉe la vojkruciĝo de diversaj civilizacioj inter greka, romia, otomana kaj rusa imperioj, kaj suferis grandajn kaj oftajn ŝanĝojn de

regadoj kaj reĝimoj. Fondita en la jaroj 680-681 sur teritorio de tracoj, Bulgario estas en nia epoko la plej malnova slava lando daŭre ekzistanta. Laŭlonge de sia historio ĝi suferis terurajn premojn pro la kvincentjara jugo de turkoj, pro la komunisma diktaturo, kaj nun provas adaptiĝi al sovaĝa kapitalismo. Nuntempe oni lernas la demokratiajn regulojn post la aliĝo en Europa Unio, sed ankaŭ oni suferas la konsekvencojn de la mondaj ekonomia kaj financa krizoj. Ĉiuj ĉi historiaj cirkonstancoj influis la karakteron de bulgaroj kaj iliajn pens- kaj vivmanierojn.

**Malkovri surloke la ŝpurojn de tiu riĉa historio estas la unua provoka argumento!**

Bulgario disponas pri ĉiuj naturaj kondiĉoj por iĝi grava eŭropa turisma celpunkto. Ĝi estas unu el la landoj kun plej alta biodiverseco en Eŭropo, konservita en pluraj naciaj parkoj kaj areoj proponitaj iĝi Biosfero-rezervejoj. Por turismo-amantoj estas malfacile elekti inter:

- Balkanoj - Rila, kun la plej alta pinto en la balkana duoninsulo: Musala, 2 925 m kaj kie troviĝas kelkaj el la plej belaj monaĥejoj,
- Pirin - monta regiono kun lagoj kaj vojetoj kiuj transiras kelkajn mirindajn pejzaĝojn, kaj kiuj instigas la turistojn aserti ke tie estas la plej belaj montoj en la lando,
- Rodopoj - krutaj montoj, arbare-kovritaj, sovaĝaj kaj malfacile vizitebblaj, sed tie estas la plej konataj ski-padoj en Bulgario kaj unu el la plej gravaj skiregionoj en sudorienta Eŭropo.

La preferata celpunkto restas tamen la marbordo de la Nigra Maro kun siaj varma akvo kaj fajna sablo! Krom la eblecoj ripozi kaj distriĝi en komfortaj feriejoj ĉi tie troviĝas multaj kaj interesaj vidindaĵoj.

**Sperti ĉi tiujn pitoreskajn allogaĵojn estas la sekva provoka argumento!**

Laste menciita sed nemalplej grava estas la konatiĝo kun niaj gastamaj esperantistaj kolegoj el Bulgario - lando kiu povas fieri ke ĝi estas unu el la malmultaj landoj, kie Esperanto estis oficiale enkondukata kaj fakultative instruata en gimnazioj, kie la registaro favoris al la Esperanto-movado kaj subtenis ĝian agadon, kaj kie por la unua fojo estis fondita Fervojista Esperanta Teatro (FET). La intereso por E-o en Bulgario estas frua kaj nelonge post la apero de la Internacia Lingvo kaj la publikigo de

la unua lernolibro de Esperanto multaj progresemaj fervojistoj komencis lerni ĝin. Inter la unuaj fervojistoj esperantistoj estas Dojĉo Kolev, kiu komencis lerni la lingvon en 1901 kaj eĉ instruis ĝin. Rekonita pioniro de la fervojista fakmovado esperantista en Bulgario estis ankaŭ la tiama ĉefo de fervojstacio Stojan Vasilev. Li, same kiel Dojĉo Kolev, estis nomita de la ministerio pri instruado instruisto en urbo Radomir, kie la lingvo estis fakultative instruita en gimnazio inter 1920-1923. En 1937 la bulgaraj esperantistoj fervojistoj fondis en Sofio la unuan Fervojistan Esperantistan Societon kaj nomis ĝin "KOLEKTIVO". Post la dua mondmilito, en 1947, en la sama urbo fondiĝis la Fervojista Esperantista Societo "PROSPERO". En la kvindekaj jaroj de pasinta jarcento fondiĝis la Sekcio de la Fervojistaj Esperantistaj Societoj en la tuta lando - BFES. Nekalkuleblaj estas la antaŭuloj de la fervojista Esperanto movado kiuj dum jaroj aktive agadis kaj propagandis E-on dise en la lando.
**Kongresi en lando kie la Esperanta movado estis unu inter la plej fortaj en Eŭropo kaj konatiĝi kun la posteuloj de tiuj pioniroj povus esti alia provoka argumento!**

Kvankam nia movado travivas nuntempe malfacilan periodon kaj spite al tio, en la nunaj cirkonstancoj ni havas ne nur eblecon, sed devon fortigi niajn internaciajn kontaktojn pere de niaj kongresoj. Mi fidas, ke la planitaj diskutoj, prelegoj kaj ankaŭ rememoroj pri la riĉa historio de nia agado kaj la planoj por estonto, ke la speciala atmosfero de la marbordo kaŭzos ĉe ĉiuj partoprenantoj ne nur fakajn avantaĝojn, sed ankaŭ neforgeseblajn travivaĵojn. Mi deziras elkore danki al la prelegantoj bulgaraj kaj eksterlandaj pro la akcepto prezenti siajn atingojn en diversaj branĉoj de la fervojo. Tiu faka kontribuo de la reprezentantoj el diversaj landoj de la mondo estas garantio de la alta nivelo de tiu kongreso. Samtempe mi esprimas miajn dankojn por la organizantoj pro la invito kaj subteno aranĝi la kongreson en tiu alloga regiono.

En la nomo de IFEF, mi deziras konkretigi tiujn dankojn per honorigo de kelkaj inter ili. La honorigajn diplomojn de IFEF ricevos:
**Petia Aleksandrova**, juna, entuziasma kaj entreprenema prezidantino de Bulgara Esperanta Fervojista Asocio, kiu invitis nin kongresi ĉi tie kaj

proponis belegan postkongreson en sia histoririĉa kaj pitoreska urbo Veliko Tarnovo. Pro ŝia persona kuraĝo kaj bona gvidado de ŝia teamo ŝi meritas ĉiujn niajn gratulojn kaj nian subtenon.

**Lazar Karakaŝev**, grava figuro kadre de la bulgara E-movado, kiu 1962, kune kun aliaj entuziasmuloj, fondis en Plovdiv la societon "Esperuloj", kies nuna prezidanto li estas, kaj kiu prezidis la LKK-anojn de la sukcesa 54a IFEF kongreso en Plovdiv. Li meritas niajn dankojn.

**Ivanka Stoyanova**, fervojistino esperantistino el Varna, kiu en 1963, kiel 15-jaraĝa junulino, eklernis Esperanton. Ŝia unua partopreno en IFEF kongreso estis en 1984, en Suna Bordo kaj de tiam ŝi iĝis membro de IFEF. Membro de UEA ekde la jaro 1975 kaj ekde la jaro 2000 dumviva membro de UEA kaj delegito de Varna, ĉiam estis aktiva en la Esperanto-movado. Dum multaj jaroj ŝi estis sekretario de la urba societo “Albatroso“ en Varna, sekretario de la distrikta estraro Varna, prezidanto de la fervojista societo en Varna. Ŝi loĝis unu jaron en Pekino kaj laboris kiel redaktoro de EPĈ. En Hanojo, en la 97a UEA kongreso, ŝi ricevis la medalon “Pro Paco kaj Amikeco inter la Popoloj“ kaj poste estis elektita en Panteonon de edukado.net. Gratulon pro ŝia tuta agado per kaj por Esperanto.

Pro elstaraj kaj sindonaj meritoj subtene al nia agado, du el niaj karaj samideanoj iĝos ek de hodiaŭ Honoraj Membroj de IFEF. Temas pri:



Honora Membro ne nur ricevas diplomon.

**Georgi Litov** - dum multaj jaroj aktiva bulgara esperantisto de Sofia Fervojista Societo, kiu diskrete kaj modeste agadis por disvastigi la esperantajn ideojn inter fervojistoj. Kun granda plezuro mi enmanigas al nia samideano la diplomon de Honora Membro de IFEF.

Ĉu estas iu, kiu ne konas la viglecon, la kapablon, la laboremon sed ankaŭ la modestecon de nia longtempa amiko **Jindřich Tomíšek** ? Pro lia sindona kaj nelaciĝanta kontribuo kiel bona konanto de la diversflanka agado de nia federacio tutkore ni dankas al li. Sen lia oferemo eĉ en la

plej malbonaj personaj cirkonstancoj, ne estus ebla la daŭrigo de tiu agado. Por ĉiuj ĉi virtoj Jindřich Tomíšek ricevas la honoran membrecon en IFEF. Gratulon!

Post tiu emocia momento, kutima dum la solena inaŭguro, mi deziras al ĉiuj partoprenantoj de la 68-a IFEF kongreso ĉion bonan, sukcesan, krean tempon, plenan de valoraj okazaĵoj kaj abundan je emociaj momentoj.
Per tiuj vortoj mi deklaras la 68-an IFEF kongreson malfermita.

**Rodica TODOR prezidantino de IFEF**

## Fakprelegaj resumoj el la 68-a IFK Varna

### Fervojo de la estonteco

(Petia Aleksandrova)

La prelegantino desegnas grandan historian arkon el antikva tempo ĝis fikcia estonto - de la unua sulkoparo enŝtona preter lignaj, poste feraj reloj, kiuj celas gvidi vagonojn kaj redukti la rulreziston. Vaporlokomotivoj anstataŭas ĉevalojn. Kreskas la rapideco surtraka. Motorvagonoj leviĝas per magneta forto. La fervojo ekspluatas la sunenergion. Kaj fine la reloj transformiĝas al evakuita surstilza tunelo, tra kiu pafas sin magneta raketo kun komfortaj foteloj , en 34 minutoj de San Francisco al Los Angeles, kontraŭ 20 dolaroj.



Petia priskribas la evoluon de la fervojo ĝis la fora estonteco

“La tuboj ligas la landojn - ...”

## SWOT-analizo laŭ la regularo de MKO pri fervoja kargo-transportado de Ĉinio

(Xiao Ke, prezentita de Zhang Hongwei)

| čirkaŭo / entrepreno | šancoj | minacoj |
|---|---|---|
| fortoj | vastigi | sekurigi |
| malfortoj | regajni | eviti |

SWOT-matrico

Danke al aliĝo al la Monda Komerca Organizo (MKO, angle World Trade Organization, WTO) Ĉinio rapide disvolvas sian fervojan kargo-transportadon, samtempe alfrontas kaj ŝancojn kaj defiojn. Tio necesigas detalan SWOT-analizon (SWOT: anglalingva mallongigo de la vortoj Strengths, Weaknesses, Opportunities, Threats, en Esperanto: Fortoj, Malfortoj, Ŝancoj, Minacoj) laŭ la regularo de MKO pri internaj avantaĝoj, internaj malavantaĝoj, eksteraj ŝancoj kaj eksteraj minacoj por la fervoja kargo-transportado de Ĉinio, kiu liveras referencojn por disvolvo de la fervoja kargo-transportado de Ĉinio en la estonteco.

## El historio de fervojkunligo Ĉeĥoslovakio kaj Eŭropo

(Jaroslav Matuška, Ladislav Hakl)



EuroCity 380 Prag - Århus
(foto Lukáš Zedníček, Wikimedia)

La prelego prezentas komparon de fervojkunligoj de Ĉeĥoslovakio kaj Eŭropo en la komenco de la 1940-aj jaroj kaj hodiaŭ. La unua parto okupiĝas pri la rektaj vagonkursoj (plej ofte kuŝ- aŭ litvagonoj) kaj konkretaj ekzemploj de kunligoj de Ĉeĥoslovakio (Prago / Karlovaro) kun urboj kaj ŝtatoj de norda, okcidenta, suda kaj sudorienta Eŭropo laŭ la horaro 1931/32. La dua parto komparas historiajn kaj nuntempajn vojaĝtempojn inter elek-

titaj urboj, restadoj en sakstacioj (kaŭze de veturdirektoŝanĝo) kaj en stacioj landlimaj (kaŭze de dogankontroloj kaj aliaj necesegaj teknologiaj operacioj). Konklude estas menciita nuntempa situacio okaze de long-distancaj (noktaj) trajnoj kaj konkurenca bus- kaj flugtransporto.

**Diagnostiko de moviĝantaj vagonoj.**
(Ladislav Kovař)


Instalaĵo por malkovri varmegajn lagrojn
(foto White Cactus, Wikimedia)

La teknika evoluo en fervoja medio alportas ankaŭ nedeziratajn efikojn. Precipe koncentrigo de regadsistemoj en centroj, kiuj prizorgas centojn da kilometroj de fervojaj linioj kaj stacioj kaŭzas, ke malaperas fervojdeĵorantoj en stacioj, trakpasejoj kaj aliaj lokoj, kies devo estas ankaŭ kontroli preterirantajn trajnojn rilate varmegajn lagrojn, bremsitajn radojn, fajron en vagono, malbone fiksitan ŝarĝon aŭ aliajn malregulaĵojn.
La menciitaj perturboj povas havi gravajn postsekvojn por la sekureco de fervoja trafiko.
La problemo estas solvata per diversaj diagnostikaj sistemoj, kiuj povas kontroli trajnon dum ĝia veturo preter diagnostika punkto. La prelego de Ladislav Kovař prezentas kelkajn teknikajn eblecojn, kiuj estas nun instalataj en la reto de ĉeĥa infrastruktura administracio SŽDC.

**Stacidomoj pentritaj**
(Vito Tornillo)

La aktivecoj de “subskribantoj” (enscene: “Writer”) kaŭzas ĉagrenon kaj kostojn por fervojaj enterprenoj. Solvo por eviti la nedeziratajn ornamojn sur veturiloj estas apliko de speciala glufolio izolanta kontraŭ ŝpruclakoj, kiu permesas facilan purigadon dum la rutina lavado.
Konstruaĵoj ne estas tiel facile defendeblaj. Ĉar pri modernigo kaj raciigo de la fervoja reto la kontrolantoj ofte deĵoras en centrejoj en granda



Grafitio en pasaĝera tunelo en Pisa
(foto Alessandro Mogliani, Wikimedia)

distanco de la stacioj, la loka infrastrukturo ofte estas sen personara ŝirmo kaj post mallonga tempo mizere aspektas. RFI (Itala Fervoja Reto) iniciatas senkostajn lukontraktojn kun institucioj aŭ neprofitcelaj asocioj por garantii surlokan ĉeeston de personoj kaj samtempe transdoni respondecon pri flegado kaj pureco. Alia praktikata rimedo estas disponigo de fervojaj areoj al lernejoj, lokaj instancoj kaj asocioj por arte pretenda ornamo. Laŭsperte tiaspecaj verkoj estas longan tempon respektataj kaj belaspektaj.

**Traklaboroj por plibonigi la Danan fervojreton.**
(Lene kaj Jan Niemann)




Traklaboroj dum pasko 2016
(bildo, Niemann, DSB)

Nuntempe la Dana ŝtato intense investas en plibonigo de la dana fervojreto. Tio alportas problemojn en organizado de trafiko kaŭze de multaj traklaboroj. Danaj Ŝtataj Fervojoj (DSB) respektas laborplanojn de *banedanmark* (dana ŝtata trakekspluatanto) kaj faras ŝanĝojn en la trafiko laŭ bezono de konstrulaboroj. La celo estas plibonigi la fervojreton kaj tiamaniere proponi pli kvalitajn servojn al klientoj.

**Ladislav Kovař, Guido Brandenburg**

# Triparta nesimetria takto

(Personaj) impresoj de la 68-a IFK en Varna



Respirantaj post laboro en la rozbedo:
KarlBernhard, Radka Stojanova, Kalinka Raĉeva, Denise Happi-Fosso, Marc Cuffez kaj Adela Gomila

Streĉa aŭtobusvojaĝo proksimiĝas al la fino. Mi rigardas el la fenestro, klopodas deĉifri la magazenajn ŝildojn kaj ĉagreniĝas, ĉar post unu semajno mi ĉiam ankoraŭ fiaskas pro la samaj cirilaj literoj. La aŭtobuso haltas antaŭ la kongresejo. Ni kolektas vestojn, ombrelojn kaj memoraĵojn kaj rapidas por esti la unuaj ĉe la lifto. Sur ties planko ni rimarkas akvoflakon. Unu el la gastoj evidente estas uzinta la kelan banejon.
La kongresejo estas la hotelo „Frédéric Joliot Curie“, konstruita kaj ekipita ne nur kiel ripoza kaj kuraca centro, sed kiel “internacia domo de sciencistoj” por okazigi simpoziojn kaj konferencojn. La disponeblaj sed malplenaj tradukistaj kameroj kaj la neuzitaj kapaŭdilaj paneloj dum niaj

kunvenoj estas iasenca marĝena manifestacio: “Ni tion ne bezonas!“ La kongresanoj loĝas (kun malmultaj esceptoj) en la domo. Ili manĝas tie, se ili ne estas survoje. Ili tie laboras kaj ĝuas la vesperan programon.
Hodiaŭ la kongreso estas oficiale fermita sed daŭras ankoraŭ. Estis la tago de la ekskurso al Nesebar. Mi partoprenis ĝin kiel ĉiujn aliajn mendeblajn aranĝojn, ĉar mi ne konis ion ajn pri Bulgario krom la informojn el libroj, gazetoj kaj televido. Resume mi estas danka pro la vasta oferto turisma, kiun la organizintoj antaŭvidis por tiaj senspertuloj kiaj mi.

## Muziko

Muziko estis la ruĝa fadeno liganta la tutan semajnon – muziko populara kaj popola, muziko parte el konservujo, sed ĉefe produktita surloke. Ĝi havis sian lokon en la vesperaj programoj, ĝi aŭdiĝis dum la aŭtobusekskursoj, ĝi penetris tra la strata bruo – facila, varma, katena.


Virtuozoj kontribuantoj al la Bulgara Vespero

Apetiton jam vekis la interkona vespero. Post vido kaj revido, dum la gastoj interkuris kaj buliĝis premante unu la alian, du virinoj sinsekve grimpis sur la malgrandan scenejon, starigis sin antaŭ la mikrofonon kaj zorgis pri silento en la publiko – Violeta Balkanska la unua per ĉarme prezentitaj modkantoj, Kalinka Raĉeva vestita en multkolora folklora kostumo la alia per bulgaraj popolkantoj. Ŝin ni revidis kaj reaŭdis ankaŭ la sekvintan matenon dum la solena malfermo. Per la esperantigitaj ekzemploj el la bulgara popola muziko ŝi vere rekomendas sin kiel kultura ambasadorino.
Jam la percepteblaj preparoj – grupoj da diverse kostumitaj viroj kaj virinoj vagadis tra la koridoroj, retiriĝis en apudajn ĉambrojn, muzikistoj batalis kontraŭ la perfidoj de la sontekniko – nutris la imagon, ke estis okazonta la muzika kulmino de la semajno. Efektive la Bulgara Vespero prezentiĝis kiel folklora piroteknikaĵo. Ĥoroj akompanataj de du aŭ tri instrumentoj, dancgrupoj kun orkestreto el sakfluto, ekzotika arĉinstrumento, kiun mi antaŭe ne jam estis vidinta, turka (aŭ greka?) liuto kaj

akordeono – akordeono, kies majstro el ĝi logis senspirajn sonkaskadojn kun ritmo, kiun nur eblas senti, ĉar la nombrokapablo fiaskas. Vikipedio, la senfine saĝa reta enciklopedio, klopodas klarigi la tripartajn nesimetriajn taktojn kaj la kvintempajn vicojn laŭ skemo „5=3+2“ – vane!
Ke sekvus plia kulmino dum la adiaŭa vespero, ne estis tiel klare antaŭvideble. Ĝi estis anoncita kiel festa vespermanĝo. Tiu okazis kompreneble kaj estis bonvena alternativo al la kutimaj menuoj – ampleksa sed ankaŭ bongusta. Ke ankaŭ tie aperis dancistoj kaj muzikistoj, tamen estis vera surprizo. Ju pli malfrua la vespero, des pli sovaĝaj fariĝis la dancoj. Eĉ ardantaj karboj ne bremsis. Kaj kiam finfine la scenejo liberiĝis kaj la orkestro ne ĉesis labori kaj la publiko sekvis la invitojn, mi pensis, ke tamen utilus la kapablo sin movi elegante laŭ muziko.

## Ekskursoj

Tri ekskursojn mi partoprenis. Pri la kvara, la vizito de la festo honore de Kiril kaj Metodius, kreintoj de la cirila skribo (ne pro venĝemo) mi rezignis. La unua havis fervojfakajn aspektojn kaj kondukis nin al ŝpurŝanĝa pramstacio je la komenco de la Varna-lago. Ĝi prezentiĝis kiel grandega industria areo komplete nur taksebla rigardante maketon en la centro por vizitantoj. Ekstere eblis imagi la viglan pasintecon kaj la situacion hodiaŭ, supozeble kiel sekvo de la politike provokitaj bojkotoj inter EU kaj Rusio. La tago finiĝis post mallonga promeno tra la urbocentro de Varna per rapidkurso pri vinkontrolo (pardonu, ankaŭ brando estis kontrolenda) – en profunda kelo apud bulvardo Princino Maria Luisa. Plimulto forlasis ĝin gaja kaj kun nigraj plastosakoj sub la brako por daŭrigi la kontrolon – pli poste.



Ramplo en la ŝpurŝanĝa pramstacio

La dua ekskurso invitis al historiaj lokoj, al monaĥejo unue, kiun la loĝantoj propramane estis hakintaj el rokomuro – ne simple kaverno sed pluretaĝa hejmo kun multaj diversfunkciaj salonoj kaj ĉambretoj. La

monaĥoj retiriĝis kaj venis la aktoroj kaj faris el ĝi subĉielan enrokan teatron. La averton pri falantaj ŝtonoj ni legis kaj respektis. La aktoroj probable ludas kun kaskoj sub la kapuĉo.

Vizito ĉe Maria, la malfeliĉa, sekvis – aŭ pli vere en ŝia rifuĝejo el la aranĝita geedzeco kun Ferdinand, reĝo de Rumanio. En Balĉik Maria estis instalinta someran kasteleton kaj belegan parkon kun kaktackulturaj domoj, florbedoj inter imponaj arboj, rozoj apogitajn de ŝtonaj muretoj, labirinto de ŝtuparoj kun romantikaj kaŝejoj, kie Maria atendis sian amaton.



Monique en la ĝardeno de reĝino Maria

En la aŭtobuso mi foliumis en broŝuro pri la bulgara historio, kiu impresis senfina ĉeno de subpremo, ribeloj, venĝoj, militoj kaj masakroj. Ne mirige, ke la kabo Kaliakra, sepdek metrojn alta impona ruĝmakulita kojno en la Nigra Maro estas monumento de nacia sufero, kie setlis kaj pereis jam la trakoj en batalo kontraŭ Aleksandro. Kontraŭ la atakantaj turkoj la kristanaj defendantoj estis same senŝancaj. Remalfermante la sangogutantan broŝuron mi miris, kiel la bulgara muziko tamen elradias tiun gajan viglecon.

La tria vojaĝeto, tiu de kiu mi ĵus revenas, montris al ni la historian urbocentron de Nesebar kun la parte konservitaj parte ruiniĝintaj preĝejoj, ĉarmaj naturŝtone pavimitaj stratetoj kun domoj el la tempo de la Bulgara Renaskiĝo. Tiuj kvartaloj agnoskitaj de UNESCO kiel monda kultura heredaĵo estas ŝatata celo de turistoj ankaŭ el la proksimaj ĉebordaj hoteloj.

## Kleriĝo kaj laboro

Ni estas ja membroj de serioza organizo klopodanta pri apliko kaj evoluigo de la fervojfaka lingvo kaj ne nur kongresas por amuziĝi. Sur la tagordoj do troviĝis prelegoj kiel la enkonduko en la estiĝon de lingvoj kaj iliaj roloj entute, prezentita de Petia Aleksandrova dimanĉon, la tagon de la

kongresmalfermo. Pliaj sekvis ĵaŭdon dum la fakprelega mateno. Malfermis la vicon denove Petia Aleksandrova kun vizio pri la fervojo de la estonto, sekvata de Zhang Hongwei, kiu priskris la procedon esplori la ŝancojn de la ĉina surrela vartrafiko sub la kondiĉoj de la malferma merkato. Daŭrigis Jaroslav Matuŝka per skizo pri la stato de internaciaj trajnkonektoj de kaj al Prago. Vito Tornillo kolore ilustris la strategiojn eviti aŭ kanaligi sovaĝajn grafitiojn sur vagonoj kaj fervojaj konstruaĵoj. Kontribuo de la ne ĉeestintaj Lene kaj Jan Niemann okupiĝis pri grandaj fervojaj konstruprojektoj. Kaj laste Ladislav Kovar klarigis la diagnozajn sistemojn por indiki problemojn de pasantaj veturiloj aplikatajn ĉe la ĉeĥa fervojo. Du fojojn kunvenis la terminologia grupo, diskutis kaj decidis dekkvar novajn terminojn por la UIC-fakvortaro.



Jaroslav Matuŝka kun historia skemo pri vagonoj rektitineraj al kaj el Prago



Publika komitatkunsido – la sekretario raportas

Kaj kio pri la federacio kaj ĝiaj organoj? IFEF insiste laboras por klarigi sian rolon en la Esperanto-movado kaj por konservi kaj plibonigi sian reputacion ĉe la fervojoj kaj ties organizoj. Paŝo estis la asocia membreco de IFEF en FISAIC kaj la tiel atingita nov- aŭ realiĝo de kelkaj landaj asocioj de IFEF sen landa asocio de FISAIC. Decidita intenco estas instali aŭ partopreni internaciajn kaj intersekciajn projektojn.

Necesa estis novelekto de la estraro. Konforme al la reviziita statuto la funkcio de la vicprezidanto estas strekita. Aldoniĝas aliflanke la gvidanto de la faka komisiono, kiu antaŭe ne estis estrarano. La multjara redaktoro de la Internacia Fervojisto retiriĝis. Prezidantino, sekretario kaj

kasisto pretis daŭrigi sian laboron. La nova de la Komitato elektita resp. aprobita estraro nun konsistas el prezidantino Rodica Todor, sekretario Vito Tornillo, kasisto Laurent Vignaud, redaktoro Guido Brandenburg kaj gvidanto de la faka komisiono Jan Niemann.

**Resumo**

La LKK dum la kongresferma ceremonio transdonis la flagon al la reprezentantoj de FFEA kiel organizantoj de la venontjara kongreso en alsaca Colmar – kun la atentigo de la prezidantino, ke ĝi – en la ekzistanta formo - fakte ne estas plu uzebla. La 68-a kongreso okupis la lastan liberan lokon malsupre dekstre. La bona kutimo dokumenti la kongresan kronologion sur la flago nur estas konservebla per pligrandigo de la ekzistanta aŭ havigo de nova flago – plia malfacila decido, kiun FFEA heredis.
Marĝene: La konkuro pri la unuaj kongresnumeroj de la 69-a IFK estas pasinta. Laurent en Varna kolektis jam manplenon da aliĝiloj kaj antaŭpagoj. Sed memoru ke ekzistas centoj da aliaj argumentoj en la venonta jaro veni al Colmar.
El la perspektivo de ekstera observanto – Varna estis mia dua IFK – mi resumas, ke la kongreso estis pripensita kaj bone organizita aranĝo. La dungo de eventmanaĝera agentejo laŭ miaj informoj ĝis nun estis unikaĵo. Sed la du senditaj sinjorinoj bone ludis sian rolon. Dankinda estas la engaĝita laboro de la tuta LKK.



István plantas la hungaran rozon en la „Bedo de la Nacioj”

Al la lando kaj ĝia ekonomio mi deziras plenumon de la esperoj projekciitaj sur Eŭropan Union, en kiu ĝi membras nun la naŭan jarojn.
Mi finas la raporteton kun la reflekta resumo, ke dum unu semajno mi konsumis tiom da kukumoj kiel normale dum duona jaro.

**Guido Brandenburg**

# TEREZA KAPISTA (1930-2016)



Tereza Kapista, prezidantino de Beograda Esperanto Societo kaj mondkonata esperantistino forpasis subite fine de aprilo.

Ŝi naskiĝis en Subotica la 11-an de Aprilo 1930 kaj esperantistiĝis en la jaro 1985.

Ŝi estis juristino kun pedagogia studo, hungarino el Serbio, monda civitanino, mondvojaĝantino kaj pasia instruistino de la internacia lingvo Esperanto. En la Esperanto-Instituto en Hago (Nederlando) ŝi akiris Cseh-metodan instruistan diplomon, estis D kaj FD por Cseh-metodo de UEA. Ŝi instruis sukcese - en tre diversaj lokoj, en modernaj lernejoj, en skoltaj tendaroj, en kabanoj, en klerigaj centroj, inter infanoj, iranaj virinoj, afganaj rifuĝintinoj, malriĉaj burundaj knaboj, inter hungaroj, serboj, rusoj, turkoj, bosnianoj, brazilanoj, novzelandanoj. Principe ŝi aplikis la rektan metodon, eble ne ekzakte laŭ la reguloj de Haga Instituto, iom laŭ ĝi, iom laŭ Marĉek, iom laŭ la zagreba metodo – ŝi kompilis ĉiujn tiujn manierojn de instruado kaj kreis propran metodon, miksaĵon de ĉiuj, esploritan en praktiko en dudeko da landoj en kiuj homoj parolas pli ol dudekon da lingvoj. La gelernantoj estis sennombraj. Multaj inter ili fariĝis ŝiaj geamikoj. Tereza renkontis ilin dum sennombraj kongresoj, vizitis ilin dum vojaĝoj en 54 landoj kaj gastigis ilin laŭ la reguloj de Pasporta Servo. Ekde 1996 ŝi oficis kiel vicprezidantino de la Beograda Fervojista Esperanto-Asocio. Pri la Esperanto-literaturo ŝi kolektis multajn meritojn, korektis tradukitajn Esperanto-tekstojn, tradukis fremdajn kaj verkis proprajn librojn kaj ankaŭ rolis kiel eldonistino.

La esperantista movado perdis kleran, multfacetan, talentan kaj enorme diligentan apogantinon. Ŝia subita forpaso forprenas patrinon, avinon kaj praavinon kaj postlasas nin konsternitaj.

Ni funebras kun niaj serbaj geamikoj.

**Guido Brandenburg (nome de IFEF)**